# LA LAMPIRO

57-a jaro n-ro 139 2016:3



## Fabrício Valle:

## Ne nur lingvo de idealistoj, sed ankaŭ de praktikaj homoj!

# Vintra Rikolto

*Floriano Pessoa*

*Kompilado de la ĉefaj prelegoj, artikoloj kaj diversaj skribaĵoj de la aŭtoro verkitaj en la lastaj jardekoj.*





Memeldono
Rio de janeiro, 2016
Formato: 14x*21* cm
300 paĝoj

KOVRILO

La brazilano Fabrício Valle, la ĉi-numera intervjuito.

**LA LAMPIRO** *57-a jaro n-ro 139 2016:3*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikarangô**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Nia "Lampiro" vigle, entuziasme flugas kaj flagras. Jen nun ni proponas ĝian trian flugon en ĉi tiu jaro 2016. Espereble ĝi konservos sian regulan flugadon.

Feliĉe ni ricevas altvaloran apogon de tuta grupo da verkemuloj, ne nur en nia ŝtato San-Paŭlo. Ni kore dankas la kunlaborantojn, kiuj akurate liveras variajn, interesajn tekstojn en plej diversaj kampoj de intereso.

Flanke de legantoj, la reagoj ne estas ankoraŭ entuziasmaj. Kaj por ni, tiu silento estas terura! Ĉu la enhavo de nia revuo ne plaĉas? Ĉu temas pri indiferento? Ĉu la fakto, ke La Lampiro aperas nur virtuale malstimulas legadon? Ĉu ni devus elpreni fortojn (kaj monon!) por aperigi ĝin en papera, tradicia formo? Estus por ni tre utile, se la samideanaro esprimus siajn ideojn pri tio.

Leandro Abrahão, kiu estas verkanto kaj leganto, proponis paperan eldonon en la fino de la jaro, en formo de kajero enhavanta la tutan jarkolekton. La Estraro serioze konsideras tiun belan ideon – kiu cetere kostus malpli ol eldono de apartaj numeroj. Ni ŝatus ricevi aliajn opiniojn pri tio.

Nia Ŝtata Kongreso alproksimiĝas. Ilha Bela atendas nin kun sufiĉe riĉa programo. Cristina Graaf, la loka motoro, laboras intense por la sukceso de nia evento. Ni faru ĝin bela tempo por amika kunvivado, lernado, kleriĝo, amuziĝo kaj precipe praktikado de nia kara lingvo. Esperanto montru sin kiel vivanta lingvo, ne nur virtuala fenomeno.

# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



Per tiu ĉi nova numero de nia revuo, denove mi invitas la membrojn kaj amikojn de EASP aktive partopreni en la vivo de nia asocio. Kiel dirite antaŭe, la asocio ne estas la estraro, sed ĉiuj kiuj iel ligiĝas al ĝi — ideale, volontule, simpatie.

Mi ĝoje informas ke nia multjara Kultura Kunveno rekomenciĝos en la venonta monato. Baldaŭ ni diskonigos la inviton kun la tago kaj programo de la kunveno.

Dume mi memorigas ke la retejo de nia oktobra Esperanto-kongreso (easp.org.br/ilhabela) atendas vian viziton kaj fruan aliĝon.

# Intervjuo: Fabrício Valle

**Intervjuinto: Paulo S. Viana**


*Fabrício Valle*

*Fabrício Valle esperantistiĝis en 1970 kaj ĉiam movade aktivis. Kunfondinto de la eldonejo Zamenhof Editores, en 1987, iama prezidanto de Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO), direktoro pri instruado de Brazila Esperanto-Ligo kaj prezidanto de ĝia Federacia Konsilantaro. De oktobro 2013 ĝis aprilo 2016 li estis la redaktoro de la revuo Esperanto, oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio. Nun li kunadministras la naskiĝintan entreprenon Socila Grupo Lexus.*

***Paulo Viana:*** *Vi estas konata kiel pledanto por uzado de Esperanto por laborentreprenoj. Ĉu eblas resumi viajn ideojn sur ĉi tiu kampo per kelkaj linioj?*

**Fabrício Valle:** Per la evoluo de la esperantista ekonomio, la mondo pli facile malkrovos, ke Esperanto ekzistas kaj estas ne nur lingvo de idealistoj, sed ankaŭ de praktikaj homoj. Krome, certe Zamenhof ne kreis Esperanton nur por literaturamantoj, pacifistoj ktp. Fakto estas, ke la mondo bezonegas Esperanton, sed ne scias, ke ĝi ekzistas. La E-movado vivantigis nian lingvon per nur ĝia "diskonigado kaj volontula instruado" (krom, evidente, la eldonagado kaj aliaj movadaj aktivaĵoj), sed "jam temp' está" por adopto de novaj labormetodoj kaj pli avangardaj premisoj por nia agado. Esperantista ekonomio kaj profesia laboro ne koncernas nur entreprenojn, sed ankaŭ la E-asociojn.

Mi konsilas la legadon de la aprila numero de la revuo Esperanto, kie oni povas legi la artikolojn "Esperanto kiel lingvo de monda ekonomio" (p. 84) kaj "Ĉu Esperanto estas vera internacia lingvo?" (p. 86). Krome, en la sama numero, legindas la artikolo titolita "Nur ĉef- kaj lok- motoraj asocioj" (p. 88).

*Kiu estas via kritika opinio pri la Esperanto-movado en la mondo, aparte en Brazilo?*

La mondo ŝanĝiĝis kaj Esperanto fariĝis vivanta lingvo, sed la esperantistoj estas firme alkroĉitaj al la principaro de agado de la pasinta jarcento, dum ankoraŭ ne ekzistis la nuntempaj ebloj kaj Esperanto estis ne plene matura lingvo. La duopo "diskonigo kaj instruado de Esperanto" gravege rolis en la unua historia fazo de Esperanto, de vivantigo de la lingvo, sed

nun la movado ne plu povas baziĝi sur tiu duopo, kiu devas fariĝi rimedo kaj ne plu celo de nia agado. Unu sola homo povas diskonigi Esperanton pli vaste ol tuta kadukiĝinta asocio...kaj instruado de Esperanto iom post iom migros al la manoj de profesiuloj kaj lingvo-lernejoj. Kio restos al la E-asocioj? Sociala, kultura, eduka kaj eĉ sociekonomiaj agadoj sur la kampo de la tria sektoro (neregistaraj organizaĵoj). La movado ne volas vidi tiun novan realaĵon.

Specife pri Brazilo: spite ĉiuj asertoj, la brazila E-movado ne estas tiel forta, se kompari la nombron da loĝantoj en nia lando kun aliaj. La realigo de la plena potencialo de Esperanto en Brazilo atendas nian laboron. Ni devas forlasi la iom erarigan aliron: mi estis spiritisto dum 40 jaroj kaj nun estas "umbandisto" kaj pro tio mi kredas pri la diroj de la spiritistoj pri la misio de Esperanto, sed bedaŭrinde la brazilaj E-spiritistoj, kiuj plejmulte konsistigas la brazilan Esperantujon, prenas kiel premison, ke nia tasko estas nur teni Esperanton viva por la venontaj generacioj. Oni lasas al niaj nepoj kaj genepoj tion, kio estas nia tasko fari tuj. Pro tia sinteno ni jam malfruas! Krome oni tro multe enfazas la aspekton "lingvo de frateco", sed kiuj konkretaj iniciatoj ekzistas sub tiu devizo? Neniu! Kaj ĝenerale la E-asocioj stagnas kiel la aliaj tra la mondo pro alkroĉiteco al kadukiĝintaj strategio kaj labormaniero.

*Laŭ via opinio, kiel kongruigi la virtualan kaj la ĉeestan movadojn por Esperanto?*

Estas interese noti, ke kelkaj esperantistoj opinias, ke la movado nun devas esti 100% virtuala. Granda eraro! Interreto devas esti ilo por agado, ne celo de la agado. Por kongruigi la du movadojn, la esperantistoj bezonas alfronti novajn defiojn. La diskonigon de Esperanto vere oni povas fari 100% per interreto, sed en la reala mondo abundas gravaj problemoj, kiujn oni povos pli efike alfronti per internacia lingvo kiel Esperanto. La granda paŝo nun estas transformi movadon esence "por Esperanto" en movadon esence "per Esperanto". De UEA ĝis la plej malgrandaj lokaj asocioj, inkluzive de la landaj asocioj, ĉiuj devus fariĝi fakaj asocioj. Mi de la komenco de ĉi tiu jarcento proponas tiujn ideojn al brazilanoj. Nun mi faras la unuajn paŝojn por proponi ilin, en novaj vestoj, al la mondo. Nu, konklude, kiam Esperanto fariĝos lingvo de transformado de la mondo, kaj ne lingvo de revuloj, ĉiuj sentos la neceson de ĉeesta movado, sen forlaso de la virtualaj rimedoj. Resume, la esperantistoj ĝis nun laboris por ke la mondo lernu Esperanton. Nun venas la horo transformi la mondon per Esperanto kaj tion ni ne faros nur per Facebook, retejoj, Skype ktp. Nepros manpremoj kaj kunagado ekster la reta mondo.

*Vi laboris kiel redaktoro de la UEA-revuo "Esperanto". Kian analizon vi faras pri tiu sperto?*

Treege valora! Mi povis profundigi miajn konojn pri la tutmonda movado

kaj koni pli bone kiel funkcias nia plej granda organizaĵo, nome UEA, kiu bedaŭrinde ne estas tiel bone strukturita kiel mi pensis ĝis mia enposteniĝo. La estraro ne havas ĝustan politikon pri la oficiala organo de UEA, kiu estas rekta laboro de unu sola homo, la redaktoro, kiu havas grandan liberecon (bona aspekto) sed aliflanke havas neniun konkretan apogon de la organizaĵo (tre malbona aspekto). La volontulaj provlegantoj disponeblaj en la Centro Oficejo ne kunrespondecas pri la eraroj aperintaj en la revuo. Oni komparu tiun laborprincipon kun tiuj de la profesiaj periodaĵoj kaj oni povos konkludi kiel amatora estas la strukturo disponigita por la redakta laboro de la revuo Esperanto. Nu, la saldo estas pozitiva, tamen.

*Kiuj estas la tri plej bonaj libroj, kiujn vi jam legis en Esperanto?*

Se temas pri nur tri libroj, tiuj,kiu plej plezurigis min estis Vojaĝo al Kazohinio (de Sandor Szatmary), kiun donacis al mi mia amiko Luiz Coelho, antaŭ pli ol 30 jaroj. Tre plaĉis al mi Lingvo kaj Vivo kaj kaj 1887 kaj la sekvo (ambaŭ de Gaston Waringhien).

Sed jen kelkaj aliaj: se paroli pri tradukoj, la romanon Paulo kaj Stefano mi legis du fojojn en Esperanto. Veterano, de Ismael Gomes Braga estas reeldoninda verko. Mondo de Travivaĵoj kaj Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo, ambaŭ de Tibor Sekelj, min treege plezurigis.

Kaj jen vera frandaĵo: Ĉiun Ĉiun, la aŭtobiografio de Teo Jung, la fondinto de Heroldo de Esperanto. Se iam la E-entreprenistoj decidos elekti patronon de la esperantista ekonomio, Teo Jung estos mia kandidato. Li estis la unua granda entreprenisto en Esperantujo.

*Se dependus nur de vi, kiun oni elektus la proksima "Esperantisto de la Jaro"?*

Certe Gbeglo Koffi, grava batalanto de la afrika movado, meritas esti la "Esperantisto de la Jaro". Kial? Li havas tre bonajn ideojn por la afrika movado kaj estas tre entreprenema. Per liaj faroj ĝis nun en la movado li montriĝis tre praktika homo; ne nur idealisto. La konstruado de lernejo en Togolando (Instituto Zamenhof), helpate de Hans Bakker kaj multaj eŭropaj esperantistoj, mi taksas kiel pintan iniciaton de la esperantistoj, simbolon por la nova erao de Esperanto, la erao de la agado esence per Esperanto. Liajn kverelojn kun gravuloj de la Esperanto-movado ni metu flanken, ĉar tiuj gravuloj ne estas perfektaj homoj, kiel Koffi mem ne estas. Se estos tribunalo por juĝi lin, la sama tribunalo devos juĝi la aliajn. Ĉu li iam faris grandajn erarojn? Eble jes, sed kiu iam ne eraris, inkluzive de tiuj gravuloj kun Koffi kverelantaj?

*Ĉu Esperanto venkos, iam?*

Esperanto jam venkis, mi ne dubas, sed ĝi bezonas nun fariĝi vaste konata kaj lernata de la mondo kaj fariĝi amaslingvo. Do, ne temas pri venko aŭ

*(Daŭrigota sur la paĝo 22)*

# Kino kaj aliaj artoj

## Recenzo - filmo: Kiriko kaj la sorĉistino

Anna Lobo (São Paulo-SP)




**Nomo**: Kirikou et la Socière
**Filmodaŭro**: 1h14min
**Reĝisoro**: Michel Ocelot
**Lanĉo**: 9.12.1998
**Tipo**: Dramo
**Nacio**: Francio

Hodiaŭ mi volas prezenti al vi ĉiuj, unu el la plej belaj animacioj kiun mi konas — Kiriko kaj la sorĉistino. Mi supozas ke ĝi estas sufiĉe konata inter la personoj kiuj havas ian intereson pri tiaj filmoj, tamen ĝi ne estas tre disvastigita ankoraŭ. Mi vere esperas ke pli kaj pli da homoj ekkonu ĝin, ĉar ĝi estas treege brila filmeto el kiu oni povas preni multajn bonajn ideojn por si mem. Ĝi estas taŭga filmo por ĉiuj, ne gravas kiom da jaroj oni havas. Do, oni povas tute trankvile spekti ĝin enfamilie.

La unua aspekto kiu vekas la atenton en la filmo estas ĝuste la koloroj kaj la trajtoj de la desegnoj. Oni jam per tiu aspekto rimarkas ke temas pri neordinara animacio,pro ĝia bunteco kaj ankaŭ la firme delikataj trajtoj. Tiel, oni vidas la afrikan etoson de la animacio kun roloj de personoj kiuj havas la haŭton el nigra koloro. Tie, homoj el sama koloro sentas sin reprezentataj kaj la afrika kulturo estas valorigata. Miaopinie, tia haŭto kaj korpo ja estas ege belaj.

La rakonto komenciĝas kun la naskiĝo de Kiriku. Tiu eta knabeto naskiĝas nekutime, pro tio ke de tiam li jam paŝas kaj parolas. La unua persono kiun li vidas tiam, estas la panjo. Tuj poste li ekkomprenas la situacion en kiu lia komunumo troviĝas — la sorĉistino iamaniere ilin kontrolas kaj same la kvanton da akvo kiun ili ricevas. Pro tiu situacio kaj manko de akvo, Kiriku decidas helpi ilin. Sed kiel tiom eta ulo kiu ĵus naskiĝis povus helpi en tia situacio? Tion oni vidas dum la disvolviĝo de la filmo ĝis kiam Kiriku malkovras tre dolorigan dornon en la sorĉistino. Kiu imagus tion? Ĉu Kiriku sukcesos savi ankaŭ la sorĉistinon? Ankaŭ tiu nemaniĥeisma aspekto de la filmo ege plaĉas al mi.

Nu, mia celo ĉi tie estas simple instigi vin spekti la filmojn kiujn mi komentas, pro tio ne estas la tuto de la filmo. Mi esperas ke mi atingadas tiun celon! Havu bonan spektadon, kaj rakontu al ni pri via opinio kaj sperto spekti ĝin!

# Eduki por la vivo

## Vidmaniero

**Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)**

Etan floron mi gajnis ĉiutage, el la manoj de Joana, kies delikateco kulminis per kiso kaj luma rideto:

“Tiu floro estas el mia ĝardeno, por vi, instruistino!” diradis ŝi.

“Ĉu vi havas ĝardenon?!” demandis mi, kisante la floron kaj ŝian brunan vizaĝon.

“Vidu, Dirce, mia domo!” Kaj ŝi, preninte el la tirkesto, folion jam desegnitan de ŝi mem, karese montris la domon amatan al mi. Koloraj krajonoj, kaj disaj paperoj neniam mankis al ŝi.

Por ke ŝi organizu siajn desegnaĵojn, kies centra intereso temis pri la domo, mi donis al ŝi desegnokajeron. Sur la unua paĝo nur la domo aperis, en la sekva la domo kaj la familio, la domo kaj la hundo, la domo kaj mi, la gekolegoj...

Iam ŝi montris al mi novan desegnon: rivereton.

“Kia bela rivereto, Joana! Kie ĝi estas?”

“Ĝi estas mia! Ĝi pasas en la korto de mia domo!”

Kaj tiamaniere Joana ĉiutage montris al mi la grandan senton de sia koro pri la loĝejo kaj ellernis skribi kaj legi.

La patrino konstante ripetis: “Jonjo amas vin, Dirce!” “Mia filino multe suferas pro la forlaso de la patro. Ĉiutage ŝi telefonas al li, sed kvankam mia filino suferas pro surdeco, estas ŝia patro kiu ŝajnigas sin la surdulo...”

Iam, dum la gimnastika leciono, Joana falis sur sian brakon kaj suferis ostorompiĝon. Laŭ la interna regulo de la lernejo ni devus konduki ŝin al la hospitalo, sed akompanata de l’ responsulo. Do mi kaj la alia instruistino bezonis unue iri al la domo de la knabino por preni la patrinon kaj iri rekten al nia celo.

Malgraŭ la graveco de la situacio, Joana insistis ke ni eniru en ŝian domon dum ŝia patrino serĉas la dokumentojn necesajn kaj la ŝuojn...

Dume mi malĝoje konstatis:

La rivero estis ega longfosaĵo, kies nigraj kaj putraj akvoj alportis la homajn deĵetojn kaj eĉ mortintajn bestojn; la muroj estis ankoraŭ el krudaj, senstukaj brikoj; la ĝardeno konsistis el du aŭ tri ladskatoloj kun floretoj plantitaj, la balkono estis nura asbesta tegola por iom protekti la enirpordon kontraŭ la pluvo...

En la nigraj okuloj de mia lernantino brilis rideto kaj fiero montri sian belan kaj koloran domon al sia instruistino, kies larmojn  reteni ne eblis.

En tiu momento, mi, kiu neniam estis ambicia persono, treege deziris posedi sufiĉan monon por realigi la belan paperan domon tiel deziratan de mia karesema kaj revanta lernantino.



# Ĉu poezio necesas?
## William Auld

Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)


*William Auld*

Antaŭ dek jaroj forpasis la skota poeto kaj tradukisto William Auld (1924-2006), unu el la plej eminentaj esperantaj verkistoj de ĉiuj tempoj. Li estis longatempe la esperant-lingva kandidato al la Nobel-premio pri literaturo. Profesie Auld estis instruisto pri angla literaturo kaj vicestro de liceo. Li faris gravan laboron kiel redaktoro de pluraj e-revuoj, prezidanto de Akademio de Esperanto, vicprezidanto de UEA.

Lia ĉefverko, *La Infana Raso*, longa poemo en 25 ĉapitroj, estis eldonita ankaŭ en la hungara, nederlanda kaj portugala lingvoj. Laŭ Gaston Waringhien ĝi estas "unu el tiuj tre malmultaj originalaĵoj en nia lingvo, kiuj egaliĝas kun la unuarangaj produktoj de la aliaj literaturoj".

Auld ankaŭ estas konsiderata kiel la plej bona tradukisto de Esperanto en la mondo kaj li mem opiniis sia ĉefverko la tradukon de la kompleta *Mastro de l' Ringoj* de Tolkien.

Por la ĝuo de la poeziamantoj mi elektis kelkajn poemojn el la tre rafinita poemaro *Unufingraj melodioj*. William Auld. La Laguna: J. Régulo eldonisto, (1960):

**Ju alten oni soras**

Ju alten oni soras des glacie
opresas la aero nigre rara

kaj en la kosma vasto nur silento
kaj friska blovo ĉe la frunto pala

sed kelkaj ĝin aspiras sur flugiloj
pulsante supren kun okuloj fiksaj

rigardas al la stelohemisfero
al lunspeguloj kaj planedoj diskaj

neatingeblaj sed eterne logaj
kelkfoje tamen oni ekkonscias

izolon tristan kaj rigardas retro
kaj la obtuzon de la greg' envias

krablanta blinde sur la terokrusto
tiam suspire tra ĉielmalheloj

vokas animo al anim' parenca
pli diste disaj ol du fridaj steloj.



**Noktaj pensoj**

Se l' korvo de la grako noktas
kaj vojas melko de la lakta lago,
sub staroj de l' ĉiela ŝakto
mi ŝtonas pro torporas ŝlim
    kaj tim kaj tim
kaj tikas tako; via brako
mara tempesta blankis dum alturn'
    Por nest por krure
        ŝnure
ŝtonas koro estas rok inverde
    eĉ merdas krie senutile.
Aj, o! kapricoj de l' pajacas grundas
    kaj inter ŝtormoj nudis ŝirmo
ŝirmon
        kaj jes! kaj eĉ hodiaŭ samo
Ne pluvo pluro plu la plumis pento
    kaj jen jam sento sub racie pensi
o zum o zum o puls as is as os
        kaj spros'
            matur'
    jen timotemtamtamas lamas
flugilan jes kun plumas tuŝas
            nokt'
ĉar Diro duras ĉar racie penso
alarmas ke alarmu larmojn zum
                    zum
                    kriĉ
infanoj pepo birdoĝoj' ekvakas
lako lakto de la grakas korvas
tuŝo zume en podagro bara
oj kara kara senuteras plend'
    anstataŭ tio:




**Septembra mateno**

Kartonajn siluetojn de uzinoj
ĉe l' horizonto iluminas suno.
Ĉi aŭtobuso glisas tra l' scenejo
kun plena ŝarĝ' de plusrolantoj fuŝaj.
Leviĝas la kurteno. Sur fotelo,
cinika karapaca kritikisto —
Dio — la manojn plektas sur la sino
kaj lace atendadas la kutimajn
replikojn netrafitajn, troajn gestojn,
parolojn forgesatajn, de ĉi trupo,
kiu sensuke ludis jam milfoje
gurditan dramon de verkisto Dio.
Diablo! — (ĝemas Dio sur fotelo) —
kia rimedo perlabori panon:
ĉeesti tiajn aĉajn komediojn!
Kaj dum la teatraĵo disvolviĝas,
Li forŝteliras al tavern' apuda.

# El la pasinteco, tutkore.

## Esperanto por laboristoj

**James Piton (Paulínia-SP)**

La lasta unua de Majo, Internacia Tago de Laboro, memorigis min pri tio, ke la aŭtoro de Esperanto antaŭ la frua morto povis konstati ion gravan — tiam lia iniciatita lingvo jam plenumis la rolon pri kiu li revis, nome demokratiigi la aliron al internaciaj kontaktoj. Homoj de ĉiuj sociaj tavoloj jam parolis Esperanton en 1917.

Ĉiu, kiu dediĉis tempon al fremda lingvo konscias, ke tio postulas grandan investon. Ekregi lingvon ne okazas per magio, tujece kiel la reklamado de lingvokursoj (ankaŭ Esperantaj!) foje provas kredigi.

Kaj plejofte nur homoj kun natura talento por lingvoj aŭ tiuj, kiuj povis pasigi tempon en alia lando, efektive plene regas la fremdan lingvon, en diversaj gradoj. Ĉio-ĉi ne estas alirebla al ĉiuj, aparte al tiuj, kiuj frue devas eniri la labormondon.



*Forĝisto*




*Reklamkarto de la Germana Federacio de Esperantistaj Laboristoj (1926)*

Biografiaj notoj raportas, ke adoleskanto Zamenhof rimarkis la malpli grandan aliron al scioj ĉe laboristaj klasoj. Plenkreska, la oftalmologo ĉiam vivis en modestaj kvartaloj, flegante homojn kun eĉ pli modestaj vivrimedoj. Kaj li klare havis en la menso, farante Esperanton relative pli facila lingvo, ke ĝi estu lingvo por ĉiu, kiu serĉas internaciajn kontaktojn.

Nehazarde Esperanto montriĝis sukcesa inter laboristoj. Bildkartoj atestas studrondojn de "laboristoj" en Hispanio, Francio, Italio kaj iom ĉe preskaŭ ĉiu eŭropa lando.

Se Esperanto estas plejeble neŭtrala (lingvoj ne prenas starpunktojn, nur lingvanoj), laboristoj uzis ĝin ankaŭ politike. Ekzemple poŝtkarto el la 1930-aj jaroj, kiu per "Proletaroj ĉiulandaj unuigu vin" reproduktas la faman sloganon de la Komunisma Manifesto, kiu inkluzive aperas en la blazono de Sovetunio. En alia germana poŝtkarto, same el la 1930-aj, oni vidas en modernisma pentraĵo forĝiston, kiu igas la verdan stelon ruĝiĝanta.




*Unua kongreso de esperantistaj laboristoj (ne okazinta en Parizo, 1914, pro la ekesto de la Mondmilito). Poŝtkarto kun bildo farita de E-parolanta pentristo Ludovic Rodo, filo de la pentristo Camille Pissarro.*

Sed Esperanto estas por ĉiu, sendepende de niaj personaj politikaj konvinkoj. Se la ideo malantaŭ la lingvo estas komunikado kun sampensuloj en aliaj landoj, des pli interesa devus estis la komunikado kun tiuj kun malsamaj pensmanieroj, ĉar ambaŭ flankoj povus riĉigi sian menson. La lastmonataj politikaj spertoj en Brazilo tamen montras ke eĉ samlingvanoj povas radikale forgesi la respekton al la vidpunkto de aliaj partianoj.

## Historia gazeto fenikse renaskiĝos


HEROLDO
DE ESPERANTO

Foto: liberafolio.org

La entrepreno sociala Grupo Lexus, estrata de la brazilanoj Fabrício Valle kaj Paulo Lima, ĉi-monate anoncis la aĉeton de la epokofara gazeto Heroldo de Esperanto.

Ĝin fondis la germano Teo Jung en 1920. Tiu gazeto, ankoraŭ cirkulanta, estas unu el la plej prestiĝaj periodaĵoj en Esperanto. Ĝia antaŭa posedanto, Kooperativo de Literatura Foiro, en Svislando, plu eldonos la gazeton ĝis la fino de la kuranta jaro.

Informoj pri la planoj de Lexus rilate la gazeton aperos en la vizaĵo-libro *https://www.facebook.com/lexussociala*.

# Lingva Diverseco

## Birma lingvo

Karina Oliveira (São Paulo-SP)

Ĝi estas parolata en Birmo (Mjanmao), azia lando, de ĉirkaŭ 32 milionoj da personoj, kiel nacia lingvo. La lingvo estas tona, tio signifas ke malsamaj tonoj diferencigas vortojn (en la portugala, ekzemple, malsamaj fortaj silaboj diferencigas vortojn, kiel *secretária* kaj *secretaria*).

La tonoj malfacile ekspliekeblas en tiom malgranda teksto, do mi invitas vin spekti videon por aŭdi denaskan parolanton de la lingvo en la sekva ligilo:

<*https://www.youtube.com/watch?v=UtTVvz4lmw4*> (video en la angla, sed vi ne bezonas kompreni la anglan por povi kompreni la tonojn).

Ĉi-flanke estas specifa alfabeto por la lingvo.

Estas du variantoj de la lingvo, la formala (por literaturaj verkoj, oficialaj paroladoj, radielsendoj, ktp.) kaj la ĉiutaga (tiu kiun la personoj vere parolas). Tio signifas ke estas kvazaŭ du apartaj lingvoj, tiom malsamaj ili estas unu de la alia.

Ankaŭ aliaj lingvoj estas parolataj en la lando. Mi invitas vin esplori pri ili ĉiuj kaj koni iom pli pri la lingvoj de Sud-Orienta Azio.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| က<br>ka (gyi) | ခ<br>kha (kway) | ဂ<br>ga (nge) | ဃ<br>ga (gyi) | င<br>nga |
| စ<br>sa (lone) | ဆ<br>sa (lain) | ဇ<br>za (kwe) | ဈ<br>za (myin swe) | ည<br>nya |
| ဋ<br>ta<br>(ta linn chate) | ဌ<br>hta<br>(wun bare) | ဍ<br>da<br>(yin gaout) | ဎ<br>da<br>(yin moat) | ဏ<br>na (gyi) |
| တ<br>ta (wun pu) | ထ<br>hta<br>(hsin htoo) | ဒ<br>da (dway) | ဓ<br>da (oat chike) | န<br>na (nge) |
| ပ<br>pa (sout) | ဖ<br>pha<br>(wet htoke) | ဗ<br>ba<br>(let chike) | ဘ<br>ba (gome) | မ<br>ma |
| ယ<br>ya (pet let) | ရ<br>ya (gaout) | လ<br>la | ဝ<br>wa | သ<br>tha |
| | ဟ<br>ha | ဠ<br>la gyi | အ<br>ah | |

http://www.bakaung.blogspot.com/

# Senti sin sentanta

**Lilia Ledon (São Paulo-SP)**

*Persona plilongigo de la fajna sugesto far Vinicíus HPR (“La Lampiro” n-ro 138, “SENTI SIN”): ni rigardas sen vidi, do prefere ni iĝu blinduloj ĉar tiaj homoj ĝisfunde sentas...*

El niaj 5 sensoj (vidado, aŭdado, flarado, gustumado kaj tuŝado), funkciantaj kune en la percepto de nia ĉirkaŭo, la kapablo vidi (aŭ ne) superregas (oni pli malfacile rekonas nutraĵon nur per ĝia gusto ol vidante ĝin; sen miaj okulvitroj mi ne tiom bone aŭdas alies paroladon ol kiam mi surhavas ilin; ktp). Plie, vidi akiris kromsignifon: ĝi iĝis sinonimo de kompreni, konstati (mi ne vidas tion, kion vi volas diri; mi vidis el la gazeto, ke la kongreso brile sukcesis; mi ne vidas la problemon same kiel vi).



*Blindeco de Tobija - Rembrandt (1606-1669)*

Senti estas ricevi sensaĵon kaj konscii pri ĝia kvalito (agrabla, malagrabla...). Eĉ dum tute racia tasko, ni daŭre ĉion perceptas kaj sentas, ni estas tuto kaj ne eblas en normalaj situacioj komplete malŝalti funkcion, nur plie aŭ malplie atenti pri ĝi.

Okazas, ke la vidmanieroj dependas de korpaj limoj (ni ne havas tiom bonan flaradon aŭ aŭdadon kiom hundoj), de kulturaj, mediaj faktoroj (nuancoj de neĝostatoj aŭ koloroj tute ne ekzistas ĉe certaj popoloj), de individuaj trajtoj (kiel edukado, personeco, travivaĵoj, kc). La samon eblas diri rilate al la sentoj. Memŝanĝo aŭ alies provoj ŝanĝi nin estas nur parte efektivigeblaj kaj relativaj laŭ celoj kaj rezultoj.

Tiel ke ni blindas. Senti ĉi tiun blindecon, konsciiĝi pri niaj limoj montriĝas jam ega atingo: ĝis nun ĉio centriĝis en ni-mem-en-la-mondo, nun ni gapas al la enirejo de la-mondo-kie-ni-enestas. Ni preterlasis kutimojn; do ni fuŝpalpas, preskaŭ nenion vidas, sed sentas ke jen vojo, je nia dispono, pri kiu ni neniom scias krom ke ĝi estas nia vera vojo. Ĉar nun ni konscias ke malkovri tion, kion ni ne volis vidi pro timo, estas vivi. Niaj sentoj gajnas novan amplekson, ni trapasis niajn limojn, kundividas (finfine!) serĉadojn kaj trovitaĵojn kaj mispaŝojn plej klerigajn kun aliaj vojaĝantoj kies vojo kruciĝas kun la nia laŭ la mirakloj de la viv-itinero.

Tiam ni malblinde vidas nin senti kaj inter-senti, por trans-senti kaj transcendi.

# Eŭreka

**Luis Guilherme Souto Jardim (Charqueada-SP)**
Mag. Interlingvistiko kaj Esperantologio UAM

*Saluton kara leganto. Jen interesa artikolo pri la plejgrava demando de la homa cerbo, kiel la vivo komenciĝis.*

**LA UNUAJ SPUROJ PRI KIEL LA VIVO KOMENCIĜIS**
***Pruvoj pri vivo antaŭ ĉirkau kvar miliardoj da jaroj***



Fosilioj ĉiam allogis la imagon de la publiko. Nenombreblajn librojn oni publikigas priskribantajn la bestojn kaj plantojn de la pasinteco, ekde la trilobitoj de la Kambriana periodo, trapasante la dinosaŭran epokon, ĝis alveni al mamutoj kaj sabrodentaj tigroj de pli aktualaj tempoj. Tamen, tiuj popularaj libroj donas eraran ŝajnon. Ili sugestas, ŝajne, ke la vivo sur la tero komenciĝis antaŭ malpli ol 600 milionoj da jaroj kaj ke bestoj kaj plantoj ekstreme kompleksaj ekaperis preskaŭ samtempe. Ververe, la vivo ĉeestis sur la tero dum tempo sesoble pli granda ol tiu periodo, malgraŭ ke fosiliaj registroj estas tre malmultaj.

Eblas ke dum la plej granda parto de la tera historio la vivon tute konsistigus tre simplaj organismoj. Ili estis, ĝenerale, mikroskope malgrandaj, kvankam ofte vivis en grandaj kolonioj. Ĝis nun, la plej antikvaj rokoj, akceptitaj kiel enhavantaj fosiliojn, estas en la nordokcidenta parto de Aŭstralio, aĝaj inter 3,3 ĝis 3,5 miliardoj da jaroj. Spuroj en tiuj rokoj ŝajnigas ĝin al ĉeloj similaj al bakterioj, ĉenigitaj kune en malgrandaj sinsekvoj kun, eble, po unu dekoblo da elementoj. Tamen, tiel simple kiel povas ŝajni, tiuj estuloj devis esti evoluintaj de pli simplaj estuloj. Tiuj pioniroj ne lasis fosiliojn rekoneblajn, do oni devas atendi trovi spurojn nerektajn de iliaj vivoj.

Tiu pruvo estis trovita en 1996, fare de skipo estrita de S.J. Mojzsis, de “Scripps Institute of Oceanography” de Kalifornio. La grupo studadis rokojn sur la okcidenta marbordo de Groenlando, kiuj estas datitaj de 3,5 ĝis 3,8 miliardoj da jaroj, kio igis ilin la plej antikvaj rokoj trovitaj sur la tuta tersurfaco. Ĉu la rokoj enhavas karbonon kaj originis de vivaj organismoj aŭ ĉu ili eniris en la rokojn

pere de iu neorganika procezo? Karbono troviĝas kiel miksaĵo de du izotopoj, karbono 12, kun ses neŭtronoj en ĉiu atomo, kaj la malplej abunda karbono 13, kun sep. Kiam la vivantaj estuloj eltiras karbonon el la naturmedio, ili pli facile konsumas la korbonon 12 ol la 13. Tio signifas ke estas eble scii ĉu la karbono ekzistanta en iu antikva roko devenas de vivaj organismoj pro la kvanto da karbono 13 trovita. Mojzsis analizis la procenton de la du karbonoj en la rokoj de Groenlando kaj konstatis ian klaran mankon de karbono 13. Tio, li diris, montras ke la karbono devis esti trapasinta tra vivaj organismoj.

La malkovro de Mojzsis montris ke la vivo devas esti aperinta sur la Tero kiel eble plej baldaŭ. La Tero estas 4,55 miliardojn jaraĝa. Oni kredas ke, ĉirkaŭ 3,9 miliardoj da jaroj antaŭe, ĝi ricevis amasan bombardon de asteroidoj kio devis esti fandinta la tutan tersurfacon dum dekoj da jarmilionoj. Post tio, la vivo ŝajnas esti aperinta rapide. Tio malfermas instigan eblecon. Ĉu la vivo vere originis ĉi tie sur la Tero aŭ venis el la ekstera spaco ene de iu asteroido? Tiun eblecon oni reliefigas plurajn fojojn dum la lastaj ducent jaroj, sed antaŭe la plejmulto el la sciencistoj flankenlasadis ĝin kiel kompletan strangaĵon. Ekde la malkovro de Mojzsis, tamen, pluraj esploristoj komencis konsideri la hipotezon pli serioze.

---

*S.J. Mojzsis et al, Nature, 384, 55-59 (1996)*



Sendu vian bildstrion
por aperigi en La Lampiro!



# Recenzo: "Inter Amikoj"

## Paŭlo S. Viana




Ne estas kutime, ke Esperantorevuoj publikigas recenzojn pri libroj verkitaj en nacia lingvo, krom se ekzistas speciala motivo por tio. Hodiaŭ ni faras tion, ĉar ni trovis specialajn motivojn. Eĉ pli ol unu motivon.

Temas pri la volumo "Inter amikoj", kiun la konata eldonejo "Companhia das Letras" publikigis en Brazilo en la jaro 2012 (represo en 2014). La aŭtoro, la israelano Amós Oz, sufiĉe konata kaj ofte konsiderata por la Nobelpremio, jam havas plurajn aliajn siajn verkojn eldonitaj en nia lando. Lastatempe, alia verko lia, la romano "Judas", relative furoris ĉi tie. Li verkas en la hebrea lingvo.

"Inter amikoj" estas bonega kolekto da noveloj, kiuj okupas po 8 ĝis 20 paĝojn. Ili estas perfektaj modeloj de nelongaj rakontoj. Per tiuj nemultaj paĝoj la aŭtoro sukcesas krei ne nur vivecan etoson sed precipe pulsantajn hom-figurojn. Ili estas tiel majstre verkitaj, ke la leganto havas la impreson, ke li spektas etajn filmojn. Foje ŝajnas, ke la teksto konsistas el poezieca prozo. Kaj ĉi tie elstaras la eminenta traduklaboro de Paulo Geiger, kiu redonis en la portugala lingvo tute naturan kaj esprimriĉan version. La personoj havas animon, la interrilato inter ili aperas en sia tuta vibrado. Kaj plej grave: malgraŭ la delikataj situacioj de kunvivado inter ili, la aŭtoro evitas prozelitismon, moral-ismon kaj precipe ŝablonojn.

Tre interesa detalo: kvankam la 8 noveloj en la libro estas legeblaj tute sendepende, tamen ili formas tutaĵon, ĉar ili ĉiuj montras scenojn de la vivo de komunumo en kibuco. Tiu speco de socialisma vilaĝo, iom utopia, tamen funkciis (funkcias?) sufiĉe flue en Israelo, tuj post la fondiĝo de la ŝtato. Idealisma revo starigi pli homecan vivostilon kaj interhoman kunvivadon. La realisma, sagaca perceptemo de Amós Oz tamen ne evitis sincere montri, ke malgraŭ tia idealismo, homoj estas daŭre homoj, kun sia neevitebla stoko da egoismo, krueleco kaj antaŭjuĝoj, flanke de solidareco kaj bonkoreco.

*(Daŭras sur la sekva paĝo)*

## RENKONTO DE ESPERANTISTOJ EN LA PARAIBA-VALO



La 5-an de junio 2016 okazis en la urbo Lorena, ŝtato San-Paŭlo, Brazilo, unu plia Renkonto de Esperantistoj en la Paraíba-Valo. Ĝi estas tradicia evento, kiu okazas de jardekoj, alterne en urboj de la ŝtatoj Rio kaj San-Paŭlo.

Ĉi-foje, 40 gesamideanoj el 9 urboj entuziasme kunsidis de la 9-a ĝis la 17-a horo. D-ro João Santos (Rio) prelegis pri "Spertoj el la vivo de Esperantisto". Sekve, Alfredo Aragón (Rio) lanchis la libron "Vintra Rikolto", de Floriano Pessoa. La prezidantoj de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro (Márcio Santos), de Kultura Kooperativo de Esperantistoj (Givanildo Costa) kaj Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (Genildo Coelho) diskutis kun la publiko pri la temo "Kio mankas en nia regiona Esperanto-Movado?". Posttagmeze, oni atentis pri "Guto da Gramatiko". Sekve, Alexandre Prado prezentis kaj komentis du filmetojn en Esperanto. José Roberto Tenório prezentis tre interesan kvizon pri la Esperanta kulturo. Finiĝis la programo per informoj pri la proksimaj Esperanto-eventoj en la regiono.

La Renkonto okazis en komforta ĉambro en la sidejo de UNISAL, loka universitato. Oni proponis libroservon kaj lunĉojn, matene kaj posttagmeze. Tri radiostacioj informis pri la evento.

Pluraj motivoj faris, ke ni aperigu ĉi tiun recenzon en Esperanto.

La unua, kaj plej memkomprenebla, estas la titolo de la lasta rakonto en la kolekto: "Esperanto". Unu el la plej belaj en la libro. Ĝi temas pri la vivo de fervora Esperantisto en la kibuco. La aŭtoro kaptas la okazon por tre pozitive aludi al nia lingvo kaj eĉ transdoni bazajn informojn pri ĝi. Ni devus pli ambicie uzi la fakton, ke tia grava verkisto kia estas Amós Oz simpatias al Esperanto. Certe tio aldonas plian pezon da seriozeco kaj kredindeco al nia afero.

Dua motivo estas la sinteno de la aŭtoro, kiu evidente favoras al paciga dialogo inter israelanoj kaj palestinanoj. Paco certe estas bela standardo ankaŭ por ni, se ni memoras pri la Zamenhofaj ideoj.

Tria motivo: "Inter amikoj" estas majstroverko en la novela ĝenro. Ĝi estas bela, delikata, profundasenca, pensiga libro. Tio sufiĉus por nia interesiĝo.



# Iom pri muziko

## Kio estas muziko? (Dua kaj lasta parto)

**Alfredo Aragón (Rio de Janeiro-RJ)**



Sed ni pensu antaŭen. Se muziko, ne gravas kia, estas aŭskultata plurfoje, oni finfine rekonas ĝin kaj komencas fajfi, murmuri, sonetigi ĝin, oni povas rimarki, ke ne ĉiuj dormetis, jen kelkaj aŭdace komentas pri la malsamaj tembroj de muzikiloj kaj de voĉoj kaj per tiu kvalito oni rekonas instru-mentojn. Eble ne vide, sed aŭdante la tembron de la muzikilo, oni jam rekonas fluton disde trumpeto, ktp. Ankaŭ oni rekonas voĉojn de kantistoj. Eble sopranoj, kaj oni mencias nomojn de kelkaj el ili. Ankaŭ de tenoroj kaj baritonoj. Kaj kun iom pli da sperto, se temas pri opero, baleto, aŭ simfonio.

Tutcerte ankaŭ, post iom da tempo da aŭskultado de bona muziko, oni parolos pri la stilo de komponistoj, kaj diferencigos mezepokan muzikon disde romantika. Kaj oni lernas, ke la mezepoka muziko konsistis precipe el verkoj por koruso, kaj la formoj estis precipe pri religio (motetoj) kaj por pritrakti romantikajn madrigalojn aŭ epikajn travivaĵojn fare de tiamaj aŭtoroj: *Tomás Luis de Victoria, Orlando di Lassos, William Byrd, Thomas Morley*, kaj kelkaj aliaj. Krom la tiamaj "ĵurnalistoj" nomataj "trobadoroj aŭ menestreloj", kiuj rakontis per kantado la novaĵojn de unu loko al alia, eĉ de lando al lando, kaj inter ili kelkaj virinoj; kaj instrumentoj, kiujn hodiaŭ oni taksas kiel praavojn de tiuj modernaj: liuto, avo de gitaro kaj aliaj similaj; liro, avo de harpo kaj iamaniere de klavikordo, klaviceno, kaj rekte de la moderna piano. El la pluraj vjoloj (de gamboj, de brakoj) devenas: violono, aldoviolono, violonĉelo, kaj basego aŭ kontrabaso.

Pri aliaj gravaj momentoj de la muzika historio, la morfologio kaj tendencoj malfermis grandegan pritraktotajn aferojn, kiel ekzemple: dum la renesanco, formoj estis pluraj, eble miloj, foje naciaj, kiuj poste fariĝis folkloraj, ĉefe indiĝenaj (aperintaj post la koloniigo kaj studado de antropologoj). De la grandaj komponistoj: *Minueto, Rondó, Kanono, Fugo* kaj multaj aliaj. Pri stilo kaj epokoj, Baroko; Kantatoj, oratorioj, suitoj; komponistoj, nur kelkajn mi mencios: Pergolesi, Tartini, Vivaldi kaj fine de tiu epoko: Haendel kaj J. S. Bach. Tuj poste la klasika periodo; kvartetoj por kordoj, kaj pluraj ĉambromuzikoj, simfonio; baleto kaj komenco de opero kaj baletoj. Plej konataj komponistoj: Haydn, Salieri, Mozart, kaj Beetoveno, kiu iniciatis la Romantikan periodon.



# Kelkaj Legofontoj
## Esperantaj legaĵoj

**Leandro Abrahão (Uberlândia-MG)**

Certe iam vi tre deziris aboni iun Esperantan periodaĵon... aŭ eble nuntempe vi abonas iun, sed bedaŭras, ke vi ne povas – pro diversaj kialoj – aboni aliajn, kiujn vi deziras. Kaj libroj... ankaŭ librojn oni tre volonte aĉetus, sed ordinare Esperantaj libroj ne estas *tre* favorprezaj – ni nur pensu pri la tre legindaj kaj klerigaj "Mi estas Homo" kaj "Homarano" de A. Korĵenkov (eldonejo Sezonoj): ĉiu kostas nuntempe pli ol **cent** realojn. Tio parte ŝuldiĝas al la fakto, ke Esperantaj verkoj ordinare eldoniĝas ne kvante, sed (preskaŭ) specimene. Tamen ekzistas iuj libroj, kiel "Vojaĝo en Esperanto-lando" de Boris Kolker kaj "Poŝamiko" de Beatrice Allée kaj Katalin Kováts, kiuj povas fieri pri pluraj eldonoj kaj ĉiam bona disvendiĝado.

Kvankam vi eble konas la revuon *La Ondon de Esperanto*, tamen eble vi ne scias, ke tre multe da verkaĵoj el *La Ondo* estas tute libere legeblaj ĉe ties retejo[1]. Tie vi trovos ekzemple dekojn kaj dekojn da artikoloj pri Historio de Esperanto. Se vi interesiĝas pri esperantologio kaj interlingvistiko, tre plaĉos al vi la surprize instrua eseo de Bernard Golden "Proverboj en Esperanto: hodiaŭ kaj morgaŭ". Kompreneble rilate esperantologion ne nur tiun artikolon vi trovos, sed multajn aliajn. Krom tio, ĉe *Kiosko* (trovu tiun ligon sur la paĝo) vi trovos diversajn bit-librojn tute libere elŝuteblajn, pretajn por trafi ekz. en vian poŝtelefonon, platokomputilon aŭ plat-legilon. Esploru la retejon: vi trovos multe pli por legi.

Ankoraŭ pri esperantologio: ĉu vi konas la retejon de Bertilo Wennergren[2]? Tie vi trovos ne nur lian tutan POMEGON (Plenan Manlibron de Esperanta Gramatiko), sed ankaŭ instruajn verkaĵojn, kiaj "Landoj kaj lingvoj de la Mondo" kaj "Kritikaj notoj pri PIV2002 kaj PIV2005". Krome vi trovos ligon kun lia alia retejo, nome Lingva Kritiko[3]. Laŭ Bertiko mem, "Lingva Kritiko estas TTT-ejo pri Esperantologio (...). [Ĝi] estas malpli formala ol veraj sciencaj publikigaĵoj kiel Esperantologio[4], sed la enhavo espereble tamen estas science valora. (…). La legantoj povas komenti kaj diskuti la artikolojn ĉi tie, kaj tiuj komentoj[5] jam rezultigis plurajn interesajn diskutojn".

La konata aŭtoro de "La Bona Lingvo" kaj "Gerda Malaperis", nome Claude Piron, verkis tre multe pli ol ĉi tiujn du librojn. Eble malmultaj scias, ke lia edzino rajtigis, post lia forpaso, la retejan[6] publikiĝon de pluraj liaj verkoj kaj verkaĵoj – inter kiuj vi trovos tre interesajn artikolojn ne nur en Esperanto, sed ankaŭ en la angla kaj franca (kaj ne nur!), plurajn librojn,

intervjuojn, sondokumentojn, neferm-itajn leterojn k.a. Vere riĉega kaj kleriga fonto de legaĵoj! Se vi scivolas, jen kelkaj artikolaj temoj: Esperanto, ĉu verko de Dio?; La ĉina: mitoj kaj realo; Lingva handikapo kaj homaj rajtoj.

Eble vi konas la revuon *Juna Amiko – Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj*, sed eble vi ne scias, ke ILEI[7] (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) disponigis en apartan retejon[8] dekojn kaj dekojn da tute libere elŝuteblaj numeroj de la revuo. Tion distrumpetis Edukado.net[9] en 2015. Nu, pri Edukado.net sciu: en ties retejo estas la t.e. Klerigejo[10], nome *ejo* el kiu vi povos libere elŝuti legomaterialojn kaj ĉe kiu eblas subiĝi al testoj, por provi, kiom vi komprenis el la legado. Lernu ekz. pri Interlingvistiko, Scienco, Esperanto-movado, Metod-ologio… Tie estas pagaj kaj senpagaj kursoj…

Pro tiom ĉi da legofontoj, certe vi havos sufiĉe da **senpagaj legaĵoj** por pluraj jaroj.

Se tamen vi deziras havi paperajn eldonojn, sed ne povas pagi por la abono de iu revuo, sciu, ke ekz. *La Ondo de Esperanto* kaj *Monato*[11] disponas pri abonfondusoj, ĉe kiuj vi povos proponi vin por rabatita aŭ senpaga ricevo de la numeroj. Sufiĉas aliri ties retejojn kaj iel kontakti redaktejon.

Bonan legadon!

1 http://esperanto-ondo.ru/
2 http://bertilow.com/
3 http://lingvakritiko.com/
4 http://www.math.uu.se/esperanto/
5 Ankaŭ la komentoj estas klerigaj. Ordinare elstaraj esperantistoj prezentas siajn starpunktojn, el kio ekestas interesaj – kelkfoje streĉaj – diskutoj.
6 http://claudepiron.free.fr/index.htm
7 http://www.ilei.info/
8 https://goo.gl/TIm4KA
9 http://edukado.net/novajhoj?id=520
10 http://edukado.net/klerigejo
11 http://monato.esperanto.be/

## Intervjuo: Fabrício Valle

*(Daŭrigo de p.7)*

malvenko, sed pri tio, kiom funde Esperanto povos esti utila al la mondo. Estas granda egoismo deziri, ke ĝi restu lingvo de manpleno da homoj. Nun ĝi estas lingvo de tro malmultaj homoj, se kompari la loĝantaron de la mondo kun la loĝantaro de nia liliputa Esperantujo. Mi refarus vian demandon tiel: kial Esperanto venkis la batalon por stabiliĝo kiel matura lingvo, sed la esperantistoj ne sukcesas superi siajn idiosinkraziojn kaj fari pli efikan laboron por kaj per Esperanto kaj igi ĝin amaslingvo?

# La monataj kulturkunvenoj revenas!

La preleganto kaj vicprezidanto de EASP, Paulo Sergio Viana, malfermos la unuan kulturkunvenon de la jaro. Li parolos pri sia lasta verko, lego-libro celanta komencantojn.



## La interesa brazila indiana mitologio



*La 2-an de julio 2016*
*ekde la 16h*

Krom la prelego, okazos ankaŭ spektado de filmo.

Eniro senpaga

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
Rua Faustolo, 124 - Água Branca (Lapa)